[G H

Gaja

Haveno|42

Porto Alegre, RS, Brazilo - Junio 2019

www.gajahaveno1.blogspot.com

# ◢Infero en la turo



Dum sep monatoj, brazilanino Fernanda laboris en Barcelono, kiel moderigisto de videofilmoj, ĉe Competence Call Center, unu el entrepenoj kiuj laboras por Facebook kaj Instagram, kies adreso estas la turo Le Glòries, 38etaĝa, unu el la plej belaj konstruaĵoj en la urbo. La salajro estas tre alloga: preskaŭ 10 mil eŭroj monate.▶

# Gaja Haveno

Kreita en 1997
Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br/gajahaveno




▶Post analizo la moderigistoj baras ĉiujn videojn kiujn ili konsideras malkonvenaj pro troo da perfortoj, netaŭgaj seksaj scenoj, incito al malamo ekzemple. La laboro dependas de denuncoj farataj de la uzuloj de Facebook/Instagram, kiuj utiligas la tri punktetojn tiucele ĉe la supra kaj maldekstra angulo de la afiŝo. Ie en la mondo la denuncitaĵoj aperos sur la ekrano de moderigisto. La plejmulto de la denuncoj senditaj de brazilanoj estas taksata de Competence Call Center en Hispanio, kun ses mil funkciuloj, inter ili ĉirkaŭ 350 brazilanoj kiel Fernanda.

Sed multaj moderigistoj tute ne sukcesas rezisti al tiel altgrada nivelo de stresigo. Estis la kazo de Fernanda kaj aliaj kolegoj en Barcelono. Krom la fakto, ke temas pri 8 horoj da laboro potage, nur 20 minutoj el ili por manĝi ion, 45 minutoj semajne kiel rajto al ripozo, la konstanta spektado de tre ŝokaj kaj abomenindaj videoj ▶ kiel ekzemplo scenoj de perfortaj krimoj, pornografio eĉ kun prezentado de seksperfortoj de infanoj kaj bestoj povas kaŭzi seriozajn damaĝojn al la psika sano de la individuo.

Ŝi rakontas, ke iunokte kolego komencis sin mordi. “Li kriis, faris sonojn kvazaŭ li bojus. Oni bezonis tri horojn por trankviligi lin.” En la kazo de Fernanda, ŝi nuntempe submetiĝas al iu psikologia kuracado kaj prenas kontraŭdeprimilojn. Ŝi ne sukcesas forgesi i.a. la scenon de bebo kiu estis ĵetata de iu muro al alia. ●

Teksto bazita sur la raportaĵo *Inferno na torre*, de Lílian Cunha, publikigita en CartaCapital de 17/apr/2019.



# ◢Juvenalo legas ĵurnalon

Ĉu kelkaj ministroj skribas *estupro-n* aŭ *estrupo-n*? Mi scivolemas...



# ◢Onidire



La arto havas malamikon kiu nomiĝas nescio. (Ben Jonson)

Kiam vi ternas, vi sentas vin iu realigita homo. (Millôr Fernandes)

Miaj gustoj estas simplaj: mi preferas la plej bonan aferon el ĉio. (Oscar Wide)

Je ĉiu du ebriuloj, unu estas pro tio, ke li ne havas inon kaj la alia pro tio, ke li havas. (Mário Quintana)

Estas homoj elegantaj kaj homoj ornamitaj. (Machado de Assis)

Neniu imperiestro restas super la gramatiko. (Sigsmundo el Luksemburgio, imperiestro) ●

## ◢Miks-





**Unu  miliono** da specioj de insektoj jam estis nomumitaj kaj priskribitaj - nur 20% el la tuto ekzistanta. Ekzistas 12 mil tipoj de formikoj, preskaŭ 12 mil variaĵoj de abeloj, ĉirkaŭ 400 mil specioj de majskaraboj.

**Laŭ la Baromêtre Cevipof** de januaro ĉijara, la elcenteco de fido de la franca enloĝantaro je la institucioj estas: Ter-, Mar- kaj Aer-armeo: 74%, Justico: 44%, amasmedioj: 23% kaj politikaj partioj: 9 %.

**Laŭ la censo** de 2010, ekzistis 900 mil indianoj en Brazilo, 32 989 en Rio Grande do Sul kaj 3 308 en Porto Alegre.

**En multaj kulturoj** en Mozambiko, la homoj havas diversajn nomojn tra la vivo. Unu por ĉiu etapo: naskiĝo, adoleskantaĝo, edz(in)iĝo, patr(in)iĝo, maljunaĝo.

www.
facebook.com/
groups/
esperanto.
portoalegre

---

**La grekoj** nomis *scholé* al la momento de senokupo, ripozo, en kiu oni povis kleriĝi, mediti danke al la interrompo de la laboro. De tio venis ekz. la esperanta *skolo* kaj la portugala *escola*.

**Mafalda**, la edzino de Erico Verissimo, kutimis regali Mário Quintana per tiom multe da ŝtrumpetoj, ke li plendis: “Ŝi ŝajne trovas, ke mi estas iu skolopendro.”

**Laŭ *Atlas da Violência***, 553 mil brazilanoj estis mortigitaj inter 2006 kaj 2016, nombro supera al tiuj de mortigintoj en Sirio post sep jaroj da milito. ●

# Tempotunelo



## 1994: Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto estis realigita en Rio Grande

Inter 8-9 de oktobro,1994, la 5a Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto estis realigita en la havenurbo Rio Grande, sub la aŭspicioj de GEA-Gaŭĉa Esperanto-Asocio kaj organizado de ESRG-Esperanto-Societo de Rio Grande. *Ŝtata asocio: rolo kaj defioj* estis la temo kaj en ĝi partoprenis ĉ. 40 homoj inkluzive venintaj el la ŝtatoj Santa Catarina, Paraná kaj São Paulo.

Symilde Schenk Ledon, UEA-ĉefdelegitino en Brazilo, prelegis pri *Asocioj kiel fundamento movada*. Sekviĝis debato pri rolo kaj defioj de regionaj E-institucioj. Ronie Cardoso Alves, UEA-deligito al la suda regiono de Brazilo, prelegis pri la funkciado de UEA helpe de lumbildaro pri la diversaj instancoj de la Movado. Ivo Sanguinetti prezentis atentokaptan serion da lumbildoj pri sia turismaj vojaĝoj al Kanado kaj Nov-Zelando. ▶

Paulo I. Ereno, el Florianópolis, SC, prelegis pri neŭrolingvistiko. Arthur Golgo Lucas (Porto Alegre) prezentis la rezultojn kaj pensigajn konkludojn de sia primovada esploro *Dinâmica social do Esperanto e dos esperantistas* (*Socia dinamiko de Esperanto kaj de la esperantistoj*).

Alfa Oumar Diallo, senegala studento pri juro en Porto Alegre, prelegprezentis ion pri sociaj kaj kulturaj trajtoj de sia lando. Júlio César Evadro kaj Cleonice de Lima (Porto Alegre) respondecis pri arta momento: li per gitaro kantis varian repertuaron de popolmuzikaĵoj kaj ŝi deklamis la poemon *Preĝo sub la verda standardo*, de L.L. Zamenhof.

La dimanĉa mateno estis dediĉita al vizito al la Oceanografia Muzeo kaj al la moleo *da Barra*. La evento finiĝis per kunfratiĝa tagmanĝo.

La renkontiĝo en Rio Grande okazis en momento de reorganizo de la Esperanto-Societo Rio Grande, tiam havanta kiel prezidanton D-ro Manuel de Abreu. ●

---

Fonto: Studa Stelo n-ro 31, nov./dec. 1994

# ◢Kapoj pensas

## Novaj tempoj, nova UEA

“Laŭ nia statuto, la unua celo de UEA estas “disvastigi la uzadon de la Internacia Lingvo Esperanto”, sed la asocio neniam plenumis tiun taskon kontentige. Ĉiam estis prioritato al nia interna komunumo, al la servoj por la membro. Sed la alveno de la interreto draste ŝanĝis la funkciadon de ĉiuj asocioj. Hodiaŭ la homoj ne plu dependas de la asocio por pluraj aferoj kaj tio kaŭzis falon en la nombro de nia membraro. (...) Miaopinie ni devas labori prioritate por informado al la ekstera publiko. Tiel la homoj volos aliĝi al UEA por helpi ĝin disvastigi la ideon por neŭtrala lingvo al mondo, ne por ricevi servojn.”

(Emilio Cid, estrarano de UEA pri Informado, en intervjuo al la retejo Libera Folio)



## Iu lingva manpremo

Kiam mi parolas en Esperanto kun usona esperantisto, ni renkontas unu la alian en iu neŭtrala bazo. Tiel ni evitas la riskon fuŝi la patrinan lingvon de la alia. Tio evitas embarasojn kaj miskomprenojn, kaj kuraĝigas liberan kaj amikecan interŝanĝon de ideoj. Kiam du homoj manpremas, ĉiu etendas  sian manon duonvojen ektroviĝante en neŭtrala regiono kiel reciproka gesto de amikeco. Tiele samokazas kun Esperanto.

(Zhou Huanchang, ĉina e-isto)

## Pri Esperantodiskonigado

"Plue gravas, ke oni prezentu nur faktojn kaj nek duonfaktojn nek dezirojn. (...) Tio estas neserioza reklamo kaj propagando. Se la varbitoj poste konfrontiĝos kun la realeco, ili povos forte seniluziiĝi. Reala kaj realisma informado donas pli solidan bazon por atingi kaj teni homojn."

(Detlev Blanke) ●

# Leksiko



**Humoro/ humuro**

Humoro – Kutima aŭ okaza stato de la temperamento aŭ de la psiko: *melankolia, milda, akra, acida, trankvikla, gaja humoro* (Z), *kontraŭ doloro helpas bona humoro*.

Humuro – Originala sentomaniero aŭ esprimprocedo, kiu kontraŭas al la kutimaj rilatoj inter la aferoj k la tono, en kiu oni ilin diras, kiu prezentas la komikaĵon kun seriozeco k la absurdaĵojn kun respekta soleneco, kiu provas komuniki emocion, ŝajnigante, ke oni ne scias pri ĝia ekzisto: *la humuro de Mark Twain.* ▶

**Klopodi/ strebi**

Klopodi **–** Fari la necesajn penojn, elpaŝojn, vizitojn ktp, por atingi ion, sukcesigi entreprenon: *klopodi ĉe la registaro por enkonduko de E-o en la lernejojn*, *klopodi por fondi societon*.

Strebi (= peni) – Energie streĉi la fortojn de la korpo, menso aŭ spirito por atingi celon: *strebi al bono kaj vero*, *mi luktis kaj strebis por la infano* (Z).

Fonto: PIV, Oportuna Poŝvortaro



# Humuro

Post provludo la aŭtoro de la teatraĵo demandas al konata kritikisto:
- Kion opinias vi pri la dramo? Ĉu vi eventuale proponus ian ŝanĝon?
- Kelkaj ŝanĝoj vere estus bonvenaj. Ekzemple: la ĉeffikciulo devus ne sin veneni, sed mortpafi.
- Kial?
- La pafo vekus la spektantojn. ●

# Kafpaŭzo

*César Dorneles*

**Antaŭnelonge** mi legis la libron *Cidadania Obscena* (*Obscena Civitaneco*), 109paĝa (Eldonejo Papirus 7 Mares, 2007), kiu arigis Mario Sergio Cortella kaj Marcelo Tas en inteligenta dialogo pri diversaj temoj ligataj al la titolo. El ĝi mi menciu kelkajn observojn iom aparte al la temo kiujn mi elstarigis per tekstomarkilo dum la lego:

- Cortella asertas, ke ĝi ne kredas je kursoj pri rapidiga legado, pro tio, ke ĝia granda tasko "estas la ĝuo, la pripensado, la meditado".

- Ruĝa Kufulineto (Pt *Chapeuzinho Vermelho*) estis cenzurita en Usono ĉar la protagonisto kiam iras tra la arbaro por viziti la avineton portas grandan botelon da vino en la kesto, detalon kiu povos reprezenti negativan mesaĝon al la infanoj, observas Marcelo Tas. Aliflanke La *Aventuroj de Tom Sawyer* estis prohibita kaŭze de la fakto, ke ĝi havas nigrhaŭtan fikciulon.

**Ĉiam** estas bona programero por spekti sur la kablaj televidkanaloj *Arte 1*, *Curta!* kaj *Film & Arts*. Antaŭnelonge mi vidis iun kun Alberto Manguel (1948-...), argentina verkisto, tradukisto kaj eldonisto en kiu li prezentas siajn pripensojn pri diversaj aferoj rilataj al la nuntempa socio. Rimarkindas ekz. la fakto, ke la plej granda celo de ĉi tiu civilizo en krizo ne estas la bonstato de la homoj, sed la financaj bonfaroj por iu malplejmulto.

**Demokratio** estas historia proceso en kiu ĝi pliboniĝas tra la tempo. Krome ne povas ekzisti vera demokratio kiam mono signifas povon.

**Agrablajn momentojn** vivis tiuj kiuj partoprenis en la promeno al Guaíba farita de grupo de esperantistoj de Porto Allegre la 5an de majo, dimanĉe. Multe da ridoj, da fotoj, da novaj historiaj konoj danke al vizito al la muzeo *Casa de Gomes Jardim*, se ne paroli pri la ĝuo rigardi la belecon de la lago Guaíba. ●